# BEL informas

***n-ro 6/2013***

*la 6an de marto 2013*



*6 de março de 2013*



## Ĉu Esperanto geedzigas?

JJen pruvo: Du kvin-minutaj dokumentaj filmetoj, kiuj montras la geedziĝon inter brazilano kaj polino, ambaŭ E-parolantoj, kiuj konatiĝis dank' al Esperanto, kaj ekde tiam vivas seriozan interrilaton pere de la Internacia Lingvo.

*spektu la filmeton:*

## Esperanto arruma casamento?

Prova disso: Dois vídeos de cinco minutos mostram o casamento de um brasileiro e uma polonesa, ambos falantes de Esperanto. Graças ao Esperanto se conheceram e vivem hoje um relacionamento sério através da Língua Internacional.

*veja o vídeo:*

Fabio Monteiro

Fabio Monteiro

## Leĝprojekto por Esperanto

La pasintan 21an de februaro la kvar italaj radikalaj deputitoj kaj kvin senatanoj, kune kun la Sekretario de la Esperanto Radikala Asocio, sendis leteron al la brazilaj kolegoj por subteni la leĝprojekton de Senatano Cristovan Buarque, kiu antaŭvidas la laŭvolan instruadon de Esperanto, en la brazilaj mezgradaj lernejoj.

## Projeto de lei pelo Esperanto

Em 21 de fevereiro, os quatro deputados e cinco senadores radicais italianos, juntamente com o Secretário da Associação Radical de Esperanto, enviaram carta aos colegas brasileiros para apoiar o projeto de lei do senador Cristovam Buarque, que prevê o ensino opcional do Esperanto nas escolas do ensino médio no Brasil.

La letero invitas la brazilajn kolegojn "agi por certigi la bonan rezulton de ĝia itinero ĝis aprobo, tiel ke ne neniiĝu ekzemplo de tiu antaŭvido kaj novigo, por kiu ni strebas por ke ĝi estu imitata ankaŭ en Eŭropo cele al protektado de niaj lingvoj kontraŭ la iom-post-ioma marĝenigo, kiun la globaligo nur unudirekta estas trudanta".

Brazilo estas pionira lando, kompreninte ke instruado de Esperanto povas esti enkonduko al la egala digno de ĉiuj lingvoj, ankaŭ de tiuj minoritataj aŭ indiĝenaj, por ke neniu idiomo havu kiel destinon la subalternecon aŭ la malaperon.

Legu la kompletan tekston de la letero

La Brazila Esperanto Ligo invitas ĉiujn brazilajn esperantistojn danki ERA-n (Esperanto Radikala Asocio) pro tiu grava apogo.

Bonvolu skribi al Giorgio Pagano kaj Emma Bonino

giorgiopagano@giorgiopagano.com
paganogiorgio@gmail.com
boninoemma@yahoo.com
kun kopio al bel.informas@gmail.com

Ursula kaj Giuseppe Grattapaglia

A carta convida os colegas brasileiros "a agirem para assegurar o bom êxito do encaminhamento até a aprovação, para que não se perca esse exemplo de ampla visão e inovação a ser imitado também na Europa a fim de proteger as línguas da progressiva marginalização que a globalização vem impondo".

O Brasil é pioneiro, por ser o primeiro a compreender que o ensino do Esperanto pode ser um meio para a viabilização da paridade e dignidade de todas as línguas, mesmo aquelas minoritárias e indígenas, a fim que nenhum idioma seja destinado à subordinação ou ao desaparecimento.

Leia o texto integral da carta

A Liga Brasileira de Esperanto convida todos brasileiros a agradecer o ERA (Associação Radical de Esperanto) por esse importante apoio.

Por favor escrevam a Giorgio Pagano e Emma Bonino

giorgiopagano@giorgiopagano.com
paganogiorgio@gmail.com boninoemma@yahoo.com
com cópia para bel.informas@gmail.com

Ursula e Giuseppe Grattapaglia

## Esperanto en Universitato de Braziljo – Nova ŝanco

La Universitato de Braziljo disponigas novan ŝancon por esperantistoj de la Federacia Distrikto kaj apudaj regionoj repreni siajn studojn de la lingvo.

Kune kun 15 aliaj lingvoj, UnB Idiomoj instruas Esperanton profesie kaj efike ekde la ĵus pasinta instrusemestro. **Eblas jam matrikuliĝi** en nova porkomencanta klaso kaj ankaŭ por la dua nivelo. Por aliĝi al la jam kuranta dua nivela klaso la kandidato faros simplan teston kies enhavo estas plej bazaj lernitaĵoj de la baza kurso.

## Esperanto na UnB - Uma nova oportunidade

A Universidade de Brasília está oferecendo nova oportunidade para os esperantistas do DF e Entorno retomarem seus estudos da língua.

Integrado à oferta de 15 outras línguas, o UnB Idiomas ensina o Esperanto de forma profissional e eficiente desde o semestre letivo anterior. **As matrículas já estão abertas** para novas turmas de iniciantes e também para o segundo nível de estudo. Para integrar a turma já em andamento o candidato fará um teste de nível simples, envolvendo os itens mais básicos dos seus estudos anteriores.

Se tiu ĉi anonco vekis vian atenton, kontaktu UnB Idiomoj aŭ profesorojn Paulo Nascentes kaj Josias Barboza por pli bone informiĝi.

www.unbidiomas.unb.br Profesoroj Josias Barboza (61) 3335-6830 kaj 8253-1941 kaj Paulo Nascentes (61) 3468-5921 kaj 9212-8763

Se este anúncio chamou a sua atenção, contate o UnB Idiomas ou os professores Paulo Nascentes e Josias Barboza para mais informações.

www.unbidiomas.unb.br Professores Josias Barboza (61) 3335-6830 e 8253-1941 e Paulo Nascentes (61) 3468-5921 e 9212-8763

## Partnereco BEL-UP

Tagmanĝo kun Ulisses Riedel, prezidanto de União Planetária, havis en sia menuo la reviviglon de la Interkonsento de BEL-UP (TV Supren).

Li iris rekte al la ĉefa punkto: la partnereco daŭras kaj kameraoj kaj mikrofonoj de TV Supren restas je la dispono de la iniciatoj de la esperanta komunumo.

## Parceria BEL-UP

Almoço com Ulisses Riedel, presidente da União Planetária, teve no cardápio retomada do Acordo de Parceria BEL-UP (TV Supren).

Ele foi direto ao ponto: o acordo está de pé e as câmeras e microfones da TV Supren já estão ao inteiro dispor das iniciativas da comunidade esperantista.

Tiel, jam ni rajtas produkti kaj filmi tie enhavojn rilatajn al Esperanto, ĉu por la programoj 'Monda Familio', 'Notícias Supren' aŭ 'Papo Supren', senprokraste kaj sen ia formalismo.

Jen la sola rekomendo: la programoj devos esti belaj, allogaj, kun belaj kanzonoj, tiel ke la spektantoj ne volu forlasi la spektadon. Resume: ni bezonas eklabori kaj nin prezenti por ĉeeste okupi la teritorion, kiu jam estas nia. Simple tiel!

Paulo Nascentes

Podemos gravar conteúdos ligados ao Esperanto seja para o 'Monda Familio', o 'Notícias Supren' ou o 'Papo Supren'. Sem cerimônias e sem mais delongas.

A única recomendação: os programas devem ser bonitos, atraentes, com música, desses que o telespectador não queira sair da frente da TV. Em resumo: temos que arregaçar as mangas e ocupar os espaços que já são nossos. Simples assim!

Paulo Nascentes

**Deĵoro por disvastigado de Esperanto**

**Plantão de divulgação do Esperanto**

Ne estas oficiala dato por tiu laboro. Kiam estas bona oportuno, ni iras al la loko kaj panfletumas.

Projekto ESPERANTO POR LA PUBLIKO.

Evandro Caboclo

Não existe uma data oficial para esse trabalho. Quando surge uma boa oportunidade, vamos ao local e fazemos a panfletagem.

Projeto ESPERANTO PARA O PÚBLICO.

Evandro Caboclo

**La franca Esperanto-kastelo Greziljono invitas:**

Staĝo PRINTEMPaS kun intensivaj kursoj, internaciaj KER-ekzamenoj, seminario pri interkultura komunikado.

**O castelo francês do Esperanto Grésillon convida:**

Estágio Primavera com cursos intensivos, exames internacionais KER, seminário sobre comunicação intercultural.

De la 20a de aprilo ĝis 1a de majo 2013

Kontakto: MCE Grésillon, 49150 St. Martin d'Arcé, France,+33-2.41.89.10.34, kastelo@gresillon.org

www.gresillon.org

Bert Schumann

De 20 de abril até 01 de maio de 2013

Contato: MCE Grésillon, 49150 St. Martin d'Arce, França, +33-2.41.89.10.34, kastelo@gresillon.org

www.gresillon.org

Bert Schumann

**"Fejsbuko" bonfaras al la cerbo**

Antaŭ kelkaj tagoj la Esperanta RetRadio prezentis sonartikolon pri la utileco de "Fejsbuko" por la funkciado de nia radio kaj pri la kontakto inter Esperantistoj, ĝenerale. Ĝi vekis ŝajne sufiĉe vastan intereson. Sendepende de specifa utileco, tiu grandega, tutmonda retejo estas eksterordinara fenomeno, kiun oni ne rajtas ignori.

**O facebook faz bem ao cérebro**

Há alguns dias a "Esperanta RetRadio" publicou um artigo sobre a utilidade do Facebook no funcionamento da nossa rádio virtual e sobre o contato entre Esperantistas, em geral. Parece que suscitou amplo interesse. Independente da utilidade específica, o gigantesco sítio mundial é um fenômeno extraordinário, que não se pode ignorar.

aŭskulti la artikolon

escute o artigo

Aparta trajto estas, ke per tiu retejo oni ne simple komunikas kaj akceptas informojn; oni ankaŭ "amikiĝas". Certe ĝi estas ilo, kiu faciligas disvastigon de ideoj kaj movadoj, kiel la Esperanta.

Com a peculiaridade de que, nessa rede, as pessoas não apenas se comunicam e recebem informação, mas fazem amizades. Com certeza se trata de um instrumento que facilita a disseminação de ideias e movimentos, como o Esperantista.

Hodiaŭ mi petas permeson por reveni al tiu temo por iom da kompletigo: ĉu "Fejsbuko" estas bonfara ankaŭ al individuoj?

Hoje, peço permissão para voltar ao assunto, para um complemento: será que o Facebook faz bem igualmente aos indivíduos?

Esploristoj el Universitato de Arizono, en Usono, decidis esplori tion kaj publikigis siajn rezultojn en internacia kunsido de neŭrologiistoj-psikologoj. Ili emis esplori la efikon de uzado de tiu retejo je la kogna funkciado de maljunaj homoj. Por tio, ili dividis dekojn da homoj pli ol 68-jaraj en tri grupojn.

Pesquisadores da Universidade do Arizona, EUA, resolveram estudar o assunto e publicaram seus resultados num encontro de neurologistas e psicólogos. Quiseram verificar o efeito do uso do sítio sobre o funcionamento cognitivo de idosos. Para tanto, dividiram dezenas de pessoas de mais de 68 anos em três grupos.

La unua grupo trejniĝis por uzi la retejon, akcepti amikojn (kiuj partoprenis la saman esploron) kaj almeti ĉiutage po unu publikaĵo en ĝin; la dua grupo lernis verki taglibron per po kvin frazoj ĉiutage, sen socia interkontaktado; la tria grupo ne uzis la retejon, sed ricevis la informon, ke ili atendas trejniĝon.

O primeiro grupo recebeu treinamento para usar o sítio, aceitar amigos (entre os que participavam do mesmo estudo) e postar todo dia uma publicação; o segundo grupo aprendeu a escrever um diário e postou cinco frases a cada dia, sem qualquer contato social; o terceiro grupo não usou o sítio, apenas recebendo a informação de que aguardava treinamento.

Ĉiuj volontuloj respondis demandaron antaŭ la komenco de la esploro, por ke oni taksu ilian gradon de soleco, socia apogo kaj kognaj kapabloj. Post ok semajnoj da "Fejsbuka" uzado, ili denove submetiĝis al testo. La homoj en la unua grupo prezentis proksimume 25 % da pliboniĝo en sia kogna kapablo, kompare kun la unua testo. La partoprenintoj en la dua kaj tria grupoj ne montris ian ajn progreson.

Todos os voluntários responderam um questionário antes do início da pesquisa, para se avaliar o grau de solidão, apoio social e capacidade cognitiva. Depois de oito semanas, submeteram-se novamente ao teste. As pessoas do primeiro grupo apresentaram em torno de 25% de melhora na capacidade cognitiva, em comparação com o primeiro teste. Os participantes do segundo e terceiro grupos não mostraram qualquer progresso.

La esploristoj opinias, ke unu sola tia

Os pesquisadores acham que um único estudo

studaĵo ne sufiĉas por plena konkludo. Oni devas ripeti kaj eĉ plivastigi ĝin. Tamen, la dinamika funkciado de "Fejsbuko" ja probable forte stimulas la cerbon.

Persona kontaktado kun homoj kaj novaj, ĉiumomentaj informoj postulas atenton kaj koncentriĝon, kiuj certe bonfaras al la cerbo, kvazaŭ "gimnastiko". Ili verŝajne funkcias eĉ pli bone ol videoludoj, kiujn oni uzas por la sama cerbostimula celo, eble pro emocia influo de amikiĝoj en la retejo.

Se oni pensas pri kontaktado inter Esperantistoj, tiam certe amikeco ricevas apartan signifon, en "Fejsbuko" kaj en aliaj similaj retservoj.

Paŭlo Sergio Viana

não basta para uma conclusão plena. Deve-se repetir e mesmo ampliar o estudo. No entanto, o funcionamento dinâmico do Facebook de fato provavelmente estimula o cérebro.

O contato interpessoal e as informações novas, a todo momento, exigem atenção e concentração, o que faz bem ao cérebro, como uma ginástica. Funcionam até melhor que os jogos em vídeo, que se usam com a mesma finalidade estimulante, talvez por causa da influência emocional das amizades na rede.

Pensando nos contatos entre esperantistas, certamente a amizade adquire significado extra, no Facebook e em outras redes sociais.

Paŭlo Sergio Viana

## MARTO

5- USP plu gastigas Esperanto-kurson

10- Renkontiĝo de esperantistoj en la Paraiba Valo

13- Kuba Esperanto-renkontiĝo

5- USP oferece outro curso de Esperanto

10- Encontro de esperantistas no Vale do Paraíba

13- Encontro de Esperanto de Cuba

## APRILO

8-Esperanto en UnB Idiomas

20- 1ª Esperanta Foiro de Libroj de Niterojo

20-Staĝo PRINTEMPaS ĉe Kastelo Greziljono

28- Trejnado por kursgvidantoj en Rio-de-Ĵanejro

8-Esperanto no UnB Idiomas

20-1ª Feira do livro esperantista de Niterói

20- Estágio Primavera no castelo Grésillon

28-Treinamento para instrutores de Esperanto no Rio de Janeiro

**Aliĝu al niaj komunumoj en Facebook kaj Google Plus**

**Conecte-se a nossas comunidades no Facebook e Google Plus**

# Ĉu vi jam realiĝis al BEL ?
# Você já se refiliou à BEL ?

Ĉu vi jam akiris esperantan libron en la komenciĝanta monato? Se ne, jen tri belaj sugestoj:

Você já adquiriu um livro em esperanto este mês? Se não, eis três belas sugestões:

**LECIONOJ POR KNABO kaj KNABO KAJ MALLUMO**

Du belaj verkoj aperintaj en la lastaj tagoj sur la bretaroj de via bela butiko.

Denove haveblas la fama **Vortareto Esperanta-portugala-esperanta**, Carlos Domingues, kun suplemento de Sylla Chaves. 280 paĝoj.

Duas belas obras que apareceram nos últimos dias nas prateleiras de sua bela livraria.

Novamente disponível o famoso **Vocabulário Português-Esperanto/Esperanto-Português**, de Carlos Domingues, com suplemento de Sylla Chaves. 280 páginas

Vizitu vian virtualan libroservon, kie vi trovos pli ol 750 titolojn, inter kiuj kelkdekojn da brokantaĵoj, kiujn ni disponigis en la lastaj tagoj. Klaku ĉi tie por vidi ilin.
Nia adreso:

Visite a sua livraria virtual, onde você encontrará mais de 750 títulos, entre os quais algumas dezenas de ótimos livros editados há mais tempo, que foram disponibilizados nestes últimos dias. Clique aqui para vê-los.
Nosso endereço:

**www.belabutiko.esperanto.org.br**

Ni dankas pro via plezuriga vizito kaj atendas la momenton ĝui la plezuron plenumi vian valoran mendon. Bonan legadon!

Agradecemos pela sua honrosa visita e aguardamos o prazeroso momento de enviar sua valiosa encomenda.Uma boa leitura!

# Ni laboru kune!

**Boletim bilíngue da Liga Brasileira de Esperanto**
**Dulingva bulteno de Brazila Esperanto-Ligo**

SDS Ed. Venâncio III Sala 303, Brasília - DF, CEP 70.393-902
Telefones: (61) 3226-1298  Fax: (61) 3226-4446

**Kunlaborantoj**: Bert Schumann, Diego Ribeiro, Emilio Cid, Eurípedes Barbosa, Evandro Avellar, Evandro Caboclo, Fabiano Henrique, Fabio Monteiro, Fernando Maia, Luís Guilherme Jardim, Márcio Santos, Paulo Nascentes, Paulo Sérgio Viana, Rafael Zerbetto, Walter Fontes.

**Sendu kontribuojn al bel.informas@gmail.com**

**Ricevu BEL Informas en via retadreso**
**Receba BEL Informas em seu email**

**Presu kaj kopiu por viaj kolegoj**
**Imprima e copie para seus colegas**